III Jaro. ★ XXVI Num.

★ Februaro.—1919 ★

★ ★ MADRIDO ★ ★

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo :-: :-: :-:
:-: :-: :-: de "Zamenhofa
kaj Andaluzia Federacioj„



S-RO MANUEL MAYNAR

**Eminenta Advokato. Prezidanto de Aragona Federacio Esperantista kaj fondinto de la Grupo Frateco de Zaragoza**

# LA AĜO DE LA ARBOJ!

Asertis la glora hispana verkisto *Calderón de la Barca* (Kalderon de la Barka), en sia neforgesebla dramo «La Vivo estas Ŝonĝo», ke la homo faris sian plej gravan pekon kiam li naskiĝis; kaj mi, kvazaŭ pentofaro pro mia kulpo, hodiaŭ intencas diri al la karaj legontoj kelkajn detalojn pri tiu memorinda okazintaĵo.

Mi ne nur naskiĝis, sed gravigas mian pekon ke tio okazis antaŭ tre longe... en la jaro... Mi ne kuraĝas ĝin diri, ĉar mi travivis multe pli da tempo ol tiu permesita al la pliparto de la mortemuloj. Terura konfeso estos tiu mia!

Laŭ la hispana dirmaniero, mi havas SEPDEKDU JAROJN. Tamen, mi ne havas ilin, ĉar neniu diras ke li havas kion li jam perdis, kio foriris por ne reveni, la tempon pasintan, mil spesmilojn kiam oni elspezis ilin. Tial, mi povas jesigi ke mi ne havas tiujn jarojn, ke mi nur havas kiujn mi travivos, kaj pro la elmontroj, ili ne povas esti tro multaj. Sed mi estas elkonvinkita ke al mi restas ankoraŭ multaj jaroj por vivi; tuta eterneco! tial ke nur mortos la materio de mia korpo; kaj kontraŭe, mia Mi restos neŝanĝebla, ĉar nek montras nek montros ian ajn signon pri kadukeco. La materio estas rilate al la spirito io simila je la vesto por la korpo: aĵo kiu tegas ĝin, kaj por ke ĝi estu prezentebla, oni devas forĵeti la antikvaĵojn, same kiel ni forigas redingoton aŭ pantalonon eluzitan.

Malgraŭ miaj multaj blankharoj kaj haŭtsulkoj, interne mi sentas min juna, kvankam elmontras al mi la malon la malforteco de miaj kruroj, tial ke ili estis devigataj toleri longedaŭre mian multpezan korpon... Nek ankaŭ tio ĉi estas vero, same kiel estus falsaĵo diri ke la kolonoj kiuj subtenas arkaĵon faritan je la komenco de la XV.ª jarcento subtenis ĝin dum kvincent jaroj, se ili estus anstataŭitaj kelkefoje per aliaj, kiuj havas la saman formon kaj enhavas egalan materion. Tiu de miaj kruroj kaj tiu de mia tuta korpo elrenoviĝas po dek jaroj (1); tial miaj kruroj, kiel ankaŭ la plej malnova parto de mia Mi materiala, ne havas pli ol dek jarojn. Plie, ĉar la arbaristoj, por difini la aĝon de amaso da arboj kiuj ekĝermis en malsamaj jaroj, kalkulas ion, kion oni povas nomi la meza aĝo de la grupo, mi povas certigi ke mi nur estas kvinjara.

Mi dediĉas tiun konkludon, pli malpli scienca, al la gesinjoroj kiuj jam festis tri aŭ kvarfoje la plenumon de siaj dekkvinjaroj. Tute ne parolu al mi pri la harkoloro, kiun ili intencas kaŝi, per malpuraj kaj danĝeraj miksaĵoj. Tio ja estas bedaŭrinda konfuzo, tial ke ni uzas mallerte la vortaron; konfuzo komparebla al tio, kiam ni alnomas kanajlojn kavaliroj. Ni diras ke haro estas blanka kiam ĝi reflektas la sep kolorojn de la ĉielarko, sed tiam ĝi restas pli nigra ol la karbo, kaj alnomas nigra tiun kiu ensorbas ĉiujn ilin, kaj tiam ĝi restas pli blanka ol neĝo.

Tia emo al la ŝanĝado de la materio daŭras en la bestoj eĉ post ilia morto. Kiam ĉesas la vivo, la restoj de la estaĵo sin trovas parte submetitaj al la agado de la fortoj kiuj regas la neorganikan materion: Tiu ĉi celas formi la kombinaĵojn plilonĝedaŭrajn, kaj tiel okazas ĝis kiam foje restas absolute nenio el la substanco kiu formis la vivantan estaĵon, kvankam malgraŭ tio povas subsisti la organika formo.

Kiam mortas multjarula homo, li forlasis dismetitajn en la teron, en la akvon kaj en la aeron, kelkajn siajn kadavrojn, kaj lia lasta kadavro, tiu kiu estis enterigita kaj eĉ zorge konservita, post kelke da tempo ne estos tia. Lia riĉa maŭzoleo eble, nur enhavos cindrojn, kiuj ne apartenis al la fama aŭ al la kara mortinto. Mizero kaj vanteco!

Por la ŝanĝo de la materio, la naturo uzas malsamajn procedojn, laŭ la okazoj. Unu estas la filtrado de la akvoj enirinte en la

(1) Multaj scienculoj supozas ke la tuta materio de nia organismo renoviĝas multe pli rapide, kaj Moleschott diras ke sufiĉas tridek tagoj por elŝanĝi ĝin.

organikan restaĵon, enmetas mineralan materion en la kavaĵojn de la ostoj, aŭ dismetigis la organikan materion, kiu estas anstataŭita per aliaj de mineralaj demetoj. Kiam ni rigardas la skeleton de iu koloso, kiu vivis en la antaŭaj geologiaj periodoj, ni diras: Tio ja estas makzelo de *Elephas primigenius* (unuekreita elefanto), kiam eble, de la materio de tiu grandegulo ne restas eĉ molekulo. Ni rigardas preskaŭ malŝate, en la Madrida muzeo de Naturo Historio la *Diplodocus'n Carnegie*, ĉar ĝi ne estas aŭtentika, kaj tamen la originalo eble nur estas reproduktaĵo de ĝia skeleto, certe, farita de la sama naturo kaj tial, pli perfekta ol la faritaĵo de la homo.

Kontraŭe, en la trunkoj de la arboj la tuta substanco produktita de kiam ekĝermis la semo, povas resti malmulte aliformigita; do, nur ilin oni povas alnomi respektegindaj maljunuloj, kio nur metafore estas atribuata al la homoj.

La herboj rapide putriĝas, kaj en la sinsekva jaro nur restas la semoj, sed la celulozo de la arboj, kiu formas la muretojn de iliaj ĉeloj, fibroj kaj vazoj, estas enpenetrita de lignino aŭ vazkulozo, kaj pro tio la teksaĵoj de la radikoj, trunkoj kaj branĉoj daŭras pli multe ol la restaĵoj de la vulgaraj homoj, kaj ankaŭ de la geniuloj, por kiuj estis malfermitaj la pordoj de la senmorteco.

Kiam revenas la printempo kaj rekomenciĝas la vegetado, sur la lignaj teksaĵoj de la trunkoj, branĉoj kaj radikoj, formiĝas nova tavolo da ĉeloj, fibroj kaj vazoj. La lastaj estas rilate grandaj, kaj ofte vidos ilin en diametra sekcio eĉ sen helpo de lensoj. Poste, kiam primtempo pasis, la ĉeloj kaj la fibroj formataj aperas kvazaŭ premitaj, kaj la vazoj estas maloftaj: tial la interna parto de la ĉiujara lignaĵo estas mola, hela kaj iom spongforma, kaj la ekstera estas malhela, forta kaj pli densa, ĉar la sinsekvaj tavoloj havas la saman formon, al tiu konsisto de la jaraj ringoj ŝuldas la ligno sian forton, malpezecon kaj elastecon.

De tio devenas ke la lignaĵo ĉiujare produktita, restas ĝuste enfermita en la ujo, kiun formas la nova ringo, kaj kvankam ĝia konsisto ŝanĝos io laŭ la tempo, la pli granda parto restos senŝanĝe. Sekve, oni konkludas ke la famindaj sekuoioj kvarmiljaraj, enhavas ion da materio formita antaŭ kvardek jarcentoj, kvankam la pli ekstera ringo de la trunko apenaŭ estas unujara. Ankaŭ, pro la ekzaktemo kiu hodiaŭ regas min, mi diros ke tiuj arboj, mezeterme, nur estas dumiljaraj...; sed kvankam tiamaniere kalkulita la afero, la arbo juniĝas dudek centjaroj, ni devas konsenti ke ili ne estas tro junaj!

Krom la krusto, kiu ŝirmas la arbon, nur vivas en ĝi kio estas ekstere, malgraŭ ke la plej agema vivo kuŝas en la radikaj haroj. kiuj ensorbas akvon solvaĵon de solidaj substancoj, kaj en la ĉeloj de la foliaro, kie la verda klorofilo fabrikas la organikan materion. Kontraŭe, en la homoj kaj en la bestoj vivas la tuta organismo interne kaj ekstere, kaj pro tio, ĉio estas submetita je senĉesaj ŝanĝoj.

*R. Codorníu*

---

# RESANIĜU, HO TERO!

Kvazaŭ poste la plej grava malsano
tiu kiu proksime vidis morton
iom post iom reakiras forton
kiu estas heroldo de la sano.

Fordisrompita de l' pafil la ĉano,
forgesinte trudemon kaj perforton
homar' de l' Di' ricevas novan sorton,
jam purigita la sangruĝa mano.

Sed ve! nun pro freneza l' anarĥio
ankoraŭ restas bato kaj malamo,
Ankoraŭ sonas de l'batal la krio,

ankoraŭ brilas de l' brulad' la flamo...
Kiam, ha! kiam regos, mia Dio!
ordo kaj pac' kaj amikec' kaj amo!

*Rafael de San Millán*

# LA DOLĈA NOMO DE MARIO

Diru min, ĉarmo de la junularo,
Kion vi juĝas esti plej laŭdinda
Inter la revoj? Kion plej aminda
Sur la ĉielo, tero kaj en maro?...
Klare, malkaŝe, mia opinio
Estas konvinko: mia rava celo,
Sur la aero, maro kaj ĉielo,
«Estas la dolĉa nomo de Mario».



Kaj inter ĉiuj floroj kaj l' aromo
Nin ĉirkaŭantaj por la Dia amo,
Kiu vin ravas pro la sia famo?
Kiu, vi kredas, esti ties nomo?
Mi, plej sincere, vin diros pri tio,
Ke la parfnmo plej bela kaj rava,
Plej bonodora. kaj plej odorhava,
«Estas la dolĉa nomo de Mario».



Kaj inter ĉiuj ruĝegaj diantoj,
Rozoj, konvaloj, mirtoj kaj jazmenoj,
Kaj ĉiaj floroj el ĉiuj ĝardenoj,
Kiu plej bela estas, ol lekantoj?...
Jen, senescepte, mia simpatio,
La plej belega el ĉiuj koloroj,
Pli nuancita, ol nuancaj floroj,
«Estas la dolĉa nomo de Mario».



Mi vin demandos, ĉu mi vin lacigas?
Ree, respondu; en la kreitaro,
Kiu estaĵo inter la homaro
Ĉian belecon en si men kunigas?...
Tio brilanta pli ol suno, kio,
Plena je gloro de l' ĉielo venas,
Kaj ĉiajn virtojn en si mem entenas,
«Estas la dolĉa nomo de Mario».



Tiu sendorna rozo de Jeriko,
Estas laŭdinda nova kreitaĵo,
Plena je graco, ĉiela belaĵo,
Nom' desegnata per Dia peniko.
Por mi ja estus Dia garantio
Se mi komprenus kiel feliĉega,
Kiel mirinda, bela kaj amega,
«Estas la dolĉa noma de Mario.»



Ni humiligu antaŭ la altaro,
De ŝia *nomo* la homan mienon,
Ke ŝi sur nin disverŝu sian benon,
Pro la plej fama el ĉiu nomaro.
Ŝi, kiu diris. petu kaj nenio
Mankos al vi, elaŭdos nian ploron,
¡Kiel ĉarmega, ŝi metos en koron,
«Estas la dolĉa nomo de Mario!...»

*Pastro Mariano Mojado.*

---

Bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ kotizaĵojn por ĉi tiu jaro.

---

DANKESPRIMO

Tutkore ni dankas S-rojn Ricardo Codorníu kaj Narciso Bofill, el Murcia kaj Palma de Mallorca respektive, kiuj sendis monsumon por helpi la eldonadon de nia revuo, krom la helpo de ilia kunlaborado,





ANTIKVA DOMO DE LA DUKO DE MEDINACELI

Tute moderne rekonstruita kaj ornamita, hodiaŭ posedaĵo de S-ro Miguel Sánchez Dalp, entuziasma amatoro de belaj artoj.—SEVILLA



# Pri enketo de "Paco kaj Amo,,

La Grupo «Paco kaj Amo» el Barcelono demandis al geeminentuloj hispanaj iliajn opiniojn pri Esperanto kaj jam vi legis respondojn de malmultaj el ili, kaj inter ĉi tiuj respondoj certe vi rimarkis tiun de la Grafino Pardo-Bazán. Ni ne komentarios ĝin ĉar sufiĉas por tio la jena letero de nia kunredaktoro, staba komandanto, S-ro Fernando Redondo, letero al ŝi adresita hispane kaj kies tradukon esperantan ni publikigas.

Altestiminda Sinjorino:

Sur la novembra numero de la revuo Hispana Esperantisto mi legas enketon de la grupo «Paco kaj Amo» el Barcelono petante opiniojn pri l' internacia lingvo Esperanto. Kaj inter la leteroj ricevitaj de la dirita grupo mi legas la vian, kiu ne estas favora al lingvo de l' doktoro Zamenhof.

Mi petas ke vi pardonu se mia rezonado ne estas oportuna; sed permesu ke mi sciigu al vi observojn, ĉar eble unu el la motivoj de via nesimpatio al Esperanto estas la nekono de ĝia literaturo, de ĝia utileco kaj de ĝia *interna ideo.*

Certe ke idiomo estas aĵo vivanta, organa, naskiĝinta el naturaj fontoj. Tiel okazas kun Esperanto, formita el ĉefaj eŭropaj lingvoj. Ĝia vortaro konsistas el 75 % da latinaj radikoj, 20 % da saksaj kaj 5 % da slavaj. La *plimulto* el hispanaj *sciencaj vortoj* devenas *artefarite de latin—kaj greklingvo.* En Esperanto, *ĉiuj vortoj* devenas *artefarite de lingvoj* nune *vivaj.* Grava filologo, Max Muller, nomas Esperanton *internacia lingvo.*

Pri la literatura vidpunkto, Esperanto havis en 1914.ª pli ol cent revuoj, precipe literaturaj. Oni tradukis la ĉefajn verkojn de ĉiu lando. Tiuj tradukoj, faritaj de kiuj posedas la originalan lingvon (kiu estas ilia lingvo patra) kaj Esperanton, estas fidelaj kaj belaj. Plie multenombraj originalaj verkoj estas en Esperanto, kiujn neniu tradukis, nek, tre eble tradukos, tial ke esperantistoj plipreferas sin dediĉi al la propagando.

La gramatiko estas pli simple ol tiu de ia ajn lingvo, sed mi ne atentigos vin pri ĝia simpleco. Gramatiko nur estas la *korpo* de lingvo, kaj por ke lingvo estu tiel, ĝi bezonas *animon,* kiu ĝin vivigu; popolon, kiu ĝin parolu; ideon, kiu ĝin vivplenigu. Estas necese ke oni kantu, oni ploru kaj oni amu en ĝi.

Esperanto havas ankaŭ *animon,* internan ideon: universalan fratecon per identeco de lingvo. Se ĉiuj homoj estas fratoj, ke ili parolu saman lingvon, kiel ĉe la fratoj okazas. Ke ili interkompreniĝu, por ke ili ne sin konsideru fremde, por ke malaperu kialo pri nekonsento. Se hispanlingvo estas la lingvo de Cervantes, Esperanto estas tiu de pacifisto, de doktoro Zamenhof.

Certe ke supereco de nacio sin montras ĉe supereco de ĝia lingvo; sed Esperanto ne estas lingvo nacia. Ĝi volas esti tiu de l' homaro, kaj konsideras homaron super ĉiuj nacioj.

Kaj se per tiuj observoj mi sukcesis interesigi vin iom pri la internacia helplingvo, tre feliĉa estas via sindonema admiranto.

*Fernando Redondo*

Madrido, Januaro 1919.

---

# RIMARKIGO

Tial ke pro la alta prezo de la papero estis neeble donaci eksterordinaran kajeron aŭ verketon, krom tiu de «Las Modernas Humanidades», kaj dezirante kontentigi gesubtenantoj de Hispana Esperantisto, oni sciigas la jenon: Hispana Esperantisto posedas sufiĉajn ekzemplerojn «El Esperanto al Alcance de Todos» kaj «Praktika Temŝlosilo» de Julio Mangada *(du volumoj),* kies

prezo estas *du* pesetojn *kvindek* centimojn; sed ĉiu zamenhofano ricevos poŝtafrankite kaj rekomendite ambaŭ verkojn po *duonon* de la citita prezo. Se oni vendus sufiĉajn ekzemplerojn, per la sumo atingita, oni eldonus eksterordinaran kajeron, eble tridekdupaĝa, pri famkonataj pentristoj hispan-fremdaj kun iliaj portretoj kaj kliŝaĵoj de iliaj ĉefpentraĵoj, kiun ricevos senpage gesubtenantoj. Kiu ajn zamenhofano rajtas mendi ekzemplerojn por nezamenhofanoj en la samaj kondiĉoj. Antaŭa pago estos deviga.

---

# El kantoj de Andaluzio

*Al F-ino. M G. G.*

Kaŭzis bluaj okuloj
Al mia koro
Mortigantan, kruelan,
Akran doloron.
Kiel karberoj,
La nigraj estis por mi
Posta infero.



La ondo furioza
Tuj alvenanta
Morti ĉe bord', ĉu estas
Ion diranta?
Ĉu ion diras?
Karulino mia, ne!
Ĝi nur sopiras!

★

Tiel estas ĉarmo mia,
Ke por noktfeston ĉeesti,
El rozoj kaj el diantoj
Mi ne povas min survesti.
Nur kapon mian ornamas,
Pro trud' de mia fianĉo,
El tre odora planteto,
Verda branĉo,
«Graciulin'! Graciulin'!»
Entuziasme trairant'
Alnomas min.

★

---




**El la libro "Legendoj pri Toledo,,**
*de Eŭgeno Olavarría*

*(Esperantigis Julio M. Rosenörn)*

Kiam vizitante la antikvan urbon de *Rekaredo* kaj *Leovigildo*, iu vojaĝanto amanta arton kaj naturon deziras rigardadi belan pejzaĝon entenantan la belegan Toledo'n, la gvidanto, kiu deziras kontentigi gvidaton, enkondukas la kuriozulon en Ponton de Sankta Martino, kaj, ĝin trairinte, sin direktas maldekstren tra deklivoj krutaj sur zigzaga vojeto ĝis la kapeleto de la *Virgulino de la Valo (Virgen del Valle)*, poezia nomo de la patrino de Jezuo; ĉi tie la gvidanto ripozigos la turiston dum iom da tempo, por ekiri ree ĝis la loko nomita *Ŝtonego de la Maŭro*, staranta meze krûtegaj kaj grandegaj rokoj, kiuj, spite leĝoj de l'ekvilibro, formas strangan amason rememorigantan fabelon de la *Grandeguloj*. Tiu loko, efektive, estas unu el la plej bonaj observejoj por admiri la urbon.

Belega estas la vojo, kiu iras al ĝi: flanken, oni rigardas terposedaĵojn kun villoj; arbojn foliplenajn; abrikotarbojn kun branĉoj kliniĝantaj teren pro la pezo de la frukto: vinberarbetojn montrantajn verdajn branĉojn kaj jan embrie ĝian belan kaj bongustan frukton aŭtunan; olivarbojn kun ĝiaj blanaj burĝonoj... La vento pasas parfumita de






PONTO «SAN MARTIN».—TOLEDO

(Fotografaĵo farita de S-ro F. L. López Beaubé)




la kampofloraro, kies aromoj estas tre ŝatataj. Maldekstren, oni vidas la riveron, ĉiam fluanta: ne haltas eĉ momente ĝia eterna fluado, kiu renovigas senĉese la ondojn, same kiel homo, naskiĝinta ĉe nekonata terangulo, momente paŝas tra la kamparo de la vivo, kaj trenata de forto nehaltigebla sin ĵetas en senfundan abismon, senpova halti eĉ sekundon, *senmorta Ashaverus'*, kiu konstante aŭdas voĉon dirantan al li: *Marŝu! Marŝu eterne!* De tempo al tempo, simpla barketo fendas la akvon, kaj la voĉo de la remisto aldonas sonon al la harmonia koncerto de la rivero batanta la ŝtonegojn starantajn sur la bordoj mem aŭ ĉe la fluejo kiel baroj kontraŭ ĝia fluado, kaj estas, ja, spektaklo, kiu sentigas, vidi la barketon balanciĝantan ĉiudirekte sur la akvo, kaj rompantan la uniforman supraĵon per ĝia blanka profilo.

Dolĉa vualo nebuleta zonas la urbon je amema ĉirkaŭpremo kiam la tagiĝo ekdesegniĝas super la montoj; la dolĉa vualo nebuleta adiaŭas sian noktan kunulon ĝis kiam la eksubiranta suno, kies radioj disigas la vualon, transkaŝos sian fajran diskon. Tiam Toledo ekaperas, kiel magia apero staranta sur sep montetoj, kiel la antitkva *Romo*, altigante ĉielen siajn cent turojn, kvazaŭ animo, elirante iom post iom el materia mondo sklaviganta ĝin, sin altigus al spiritaj regionoj, kiuj ĝin altirus. Ekaperas belaj konstruaĵoj sur kiuj la jarcentoj markigis markojn de sinsekvantaj civilizacioj: gotaj turoj, arabaj fenestroj, *bizantinaj* konstruajoj, ĉio aperas samtempe je konfuza amaso, kiu, vundata de la unua lumo de la mateno, brilas kiel kostumo diverskolora de ridigisto, aŭ kiel paletro; kuniĝo el pasintaj epokoj movantaj en la aero iliajn flagetojn. La katedralo ŝajnas trabori la nubojn per la akrega pinto de la turo gracia, kaj malfermi ĉe ili fendeton tra kiu pasos la preĝojn al la trono de l' Eternulo, kaj tra kiu ankaŭ malsupreniros fulmo por lumigi per ĉiela lumo ĝiajn altarojn; ĝi prezentiĝas antaŭ ni kiel belega revo del spirito, kiel ensorĉita palaco, kiu, obeante povegan peton, burĝonis el la internaĵo de la tero vundita de la piedo de tiu viro, kiu tagon diris: *Konu min cia mastro!*—; kaj ĝi estas tiel kiel ĝin konstruis ĉe la abismo la anĝeloj de la lumo, kun siaj fingroj el perlamoto kaj eburo, per oraj laboriloj. Grupiĝas ĉirkaŭ ĝi *Sankta Johano de la Reĝoj*, belega monaĥejo rememoriganta per sia gracieco kaj delikateco tiun grandan figuron de la Hispana Historio, *Izabelon I.an*; la *Alcazar'*, vastega, masiva konstruaĵo, kies peza maso ŝajnas reprezenti la reĝon Filipon II.an kaj lian regadon; la preĝejeto de la familio *Lunas*, kie eterne dormas la militestro ekzekutita ĉe *Valladolid'a* placo pro ordono de Johano II[a] de Kastilujo; Sankta Roman', preĝejo de kies turo la kavaliro Esteban' Illan proklamis Alfonson' VIII.an, kiel reĝon de Kastilujo, kaj pli ol cent aliaj konstruaĵoj, kiuj konservas antikvajn tradiciojn eĉ en la kuniĝoj de la muroj. Enkadrigas ĉi tiun pejzaĝon la rivero kvazaŭ moviĝanta spegulo reflektanta la belecon de la urbo. Ekstere, staras Sankta Servando, araba kastelo kun renversitaj turoj kaj remparoj, sed ankoraŭ montranta belecon kaj intereson; la palaco *Galiana*, kaŝita sub la ombro de la arboj; la valo kun verda tapiŝo; malproksime, montetoj kun olivarbaroj kaj vinberarbetaroj, kaj pli malproksime, envolvitaj de diafana vualo, montoj, kun bluaj deklivoj kaj neĝo sur la pintoj, plilongiĝantaj kvazaŭ forta remparo laŭlonge la horizonto. Super ĉi tiu pejzaĝo, la sennuba ĉielo, la senlima ĉielo, kaj de la Oriento, la ruĝa disko de l' suno ekzenitiras majeste, salutata de l' kantado de alaŭdoj kaj de la sonorado de sonorilaro.

*(Daŭrigota)*

---

## AVERTO

Ni sendas la revuon al ĉiuj Zamenhofanoj kaj ni rimarkigas, ke de la Centra Poŝtoficejo deiras perfekte pretigitaj ĉiuj specimenoj; certe la ricevantaj poŝtoficejoj estas kaŭzo por perdo.

# PRI LA FLORAJ LUDOJ KAJ ĜIA DEVENO

## LA PROVENZAJ

### V

Jen ni en epoko en kiu plej ĝentilaj kutimoj permesas al la poezio akiri la plej altgradan riĉecon de l'modernaj tempoj, kaj en kiu ĝi prosperas rimarkinde. Ĝentileco anstataŭas maldelikatan kruelegecon, kaj enkarniĝinte beleco en la virino, en la ĉiam respektinda kaj aminda duonparaĵo de la homo, ĝi forgesigas la kruelan muzon de la bataloj kaj prezentas al homo la ĉarmon de la virto kronata de freŝaj rozoj. La tempo de la kavalireco naskiĝas, kaj kvamkam nubetoj malheligis ĝian orienton, tamen oni spiras plej bone kaj la animo sin lulas en dolĉa espero de plej feliĉa estonto. La provenzaj poetoj certe ne multe valorigis la poezion tial ke iliaj verkoj estis iom vulgaraj, unutonaj, vastaj, kun versoj fortaj kaj malfacilaj, rimitaj pene kaj strange; sed ili ebenigis la vojon al la *Petrarkoj* kaj *Dantoj*, kiuj tre alten metis la poezion. Ili estis, laŭ opinio de kritikistoj, la elpensintoj de la rimita poezio en la modernaj lingvoj; sed ni, la hispanoj, donas la unuan lokon al andaluzianoj kaj hispanaj araboj, kaj iliaj amkantoj, iliaj *serventencioj* aŭ satiroj kontraŭ malvirtoj kaj diboĉado, uzurpantoj kaj tiranoj; iliaj *sones*' aŭ sonetoj, iliaj *madrugales*' *aŭ madrigales*' (ampoeziojn), iliaj komikaj farsoj k. c., naskis agrablan poezion muzikan.

La poetoj (elpensintoj) aperis je la X.ª jarcento, en Provenzo, ĉar estas konstatita ke kiam *Konstanciino* nomata *Blanca*, filino de Vilhelmo I.ª, grafo de Provenzo, edziniĝis kun Roberto, reĝo de Francujo, je 1001, ŝin akompanis poetoj el ŝia lando, el kiuj la francoj lernis rimitan poezion de la katalunanoj elpensintaj ĝin. La rimita poezio naskiĝis en Hispanujo kaj hispanoj estis la elpensintoj. La *tenzones*' estis la poeziaj verkoj en kiuj pli floris la genio, spriteco kaj subtileco de la provenzaj poetoj; estis kvazaŭ diskutado verse inter du aŭ tri poetoj, proponinte unu tezon, la alia aŭ la du ceteraj rezonadis verse pri la tezo. Okazis ĉi tiuj diskutadoj ĉe la Kortegoj de Amo kaj decidis la virinoj, traktante ĝenerale ĉi tiuj diskutadoj pri la povo de la amo, pri la ĝentileco de la kavaliroj kaj pri la beleco de la virino, fundamento por iliaj kantoj. La poetoj kantis sukcesojn de la kavaliroj almilitintaj *Sanktan Teron*. Ili per siaj kantoj disvastigis provenzan lingvon tra la tuta Eŭropo, kaj estis tiel ŝatataj, ke la Imperiestroj Federiko I.ª kaj II.ª ilin venigis en siajn Kortegojn, ke la angla reĝo *Ricardo Corazón de León* estis ilia amiko, honoris kaj helpis ilin. Ludoviko la Juna, kiam je 1147 aliris al sankta militekspedicio, estis akompanata de ili por kanti la venkojn kaj kuraĝigi la militistaron per iliaj kantoj. La poetoj ne estis tiaj kiaj raportantoj, kiuj tiam ankaŭ aperis. La raportantoj verkis historiajn kaj legendajn prozojn, ankaŭ romancojn, ĉar en tiu epoko ankaŭ estis romancoj sen rimo. La kantantoj kantis verkojn de la poetoj kaj iuj akompanis kanton per iaj muzikinstrumentoj. De 1120 aŭ 1130 ĝis la fino de la regado de Johano I.ª de Napoleso, mortinta je 1383 brilis la poetoj en Provenzo. La plej famaj poetoj de Provenzo estis: *Arnaud*, *Daniel*, *Faydit*. *Brunet*, *Guy*, *Noues*, *Luco*, *Parasol* kaj *Roger*.



# PRUVO PRI IDEARO

DE

## Fernando Redondo

(*Daŭrigo*)

*Kristaloj.*—Ero de mineralo en la formo de simetria aŭ regula poliedro, ***kristalo;*** scienco pri ĝia studo, ***kristalografio.*** Ilo por

mezuri angulojn de la kristaloj, *goniometro*; scienco, *goniometrio*. Kristaligaĵo kiu similas plantojn inkrustitajn en mineralo, *arboidaĵo*, kalka konusforma pinto formiĝanta sur la fundo de kaverno dank' al konstanta gutado de akvo, *stalagmito*; sur la arkaĵo, *stalaglito*.

*Erupciaĵoj*.—Eliĝo de substancoj tra la krateroj de vulkanoj *erupcio*. Fandita varmega substanco eliĝanta el la vulkanoj, *lafo*. Substanco kiu devenas el vulkanoj similanta botelvitron, *obsidieno*. Natura fonto de varma akvo, kiu intermite ŝprucas vertikale tre alte, *gejsero*. Iaj erupciaj rokaĵoj, *glimgranito-protogino, diorito, diabazo*. Nigra erupcia rokaĵo, *bazalto*. Erupcia rokaĵo feldspatoza, griza iom simila je bazalto, *trakito*. Mineralo kristaliĝinta pro la tercentra varmego de erupciaj rokaĵoj kiuj alfluis apud ĝi, *metamorfa*; fenomeno, *metamorfismo*.

*Likvaĵoj*.—Fluidaĵo kovranta tri kvaronoj de la tero, *akvo*. Fluidaĵo nekolora, bruligebla, *petrolo*. Kruda petrolo trovata en Kaŭkazo kaj Ameriko, *nafto*. Blanka metala fluidaĵo pli peza ol plumbo, *hidrargo*.

*Lamenaj rokoj*.—Rokaĵo konsistanta el kuniĝintaj folioj, kiujn oni povas disfendi, *skisto*. *glimskisto*. grize nigra skisto, uzata por kovri tegmentojn aŭ fari skribtabulojn, *ardezo*; ardeza krajono; *grifelo*. Kristaloida rokaĵo konsistanta el kvarco, feldspato kaj glimo, *gnejso*. Diafana mineralo uzata anstataŭ fenestra vitro, *glimo*. Ĝenerata nomo de multaj mineraloj de lamena strukturo, *spato* Multaj spatoj estas *karbonikaj* kelkaj estas *silikatoj*. Mineralo konsistanta el alumina silikato, trovebla en granitoidaj lokoj, *feldspato*. Malmolega feldspateca mineralo, *petrosiliko*. Speco de feldspato, *albito*. Vario de feldspato, enhavata de plej multaj granitoj, *ortozo*. Mineralogia nomo de fluorspato solvebla en varma $SO_4H_2$ (tio estas de fluorido de kalcio), *fluorino*.

*Siliko*.—Speco de tero konsistanta el tre malgrandaj grajnoj ne kunigitaj unu kun alia, *sablo*. Natura kombinaĵo el silicio, *siliko*. ŝtono ofte tre trouza, per kiu oni fabrikas muelilojn, *muelŝtono*. Rokaĵo konsistanta el el silikaj grajnetoj aglomeritaj en kalkeca aŭ silikeca pasto, *grejso*. Speco de grejso, *arkozo*. Speco de siliko formanta blankelaktan ŝtonon kun diverskoloraj rebriloj, *opalo*. Mineralo konsistanta precipe el magnezia silikato, *amfibolo*. Vario de amfibolo, *tremolito*, tremolito konsistanta el fadenoj kaj nebruligebla, *asbesto*. Sfero el silikeca ŝtonaĵo tute fermita kai kava. kaj kies interno estas kovrita per kristaloj, *geodo*. Vitreca kaj kristala mineralo konsistanta el kalka kaj magnezia silikatoj, *pirokseno*.

*Kvarco*.—Mineralo konsistanta el pura siliko, solvebla nur en FIH, *kvarco*. Juvela viola ŝtono, speco de kvarco, *ametisto*. Duonediafana speco de kvarco de vivaj diversaj koloroj, *agato*. Ruĝa agato, *karneolo*. Blua aŭ griza agato, *kalcedonio*. Agato kun paralelaj helaj kaj malhelaj tavoloj, *onikso*. Nediafana multkolora kvarco, *jaspo* Kvarco kun brilantaj puntetoj, *aventurino*. Grajnojda rokaĵo konsistanta el kvarco kaj glimo, kiu ofte havas skistan aspekton, *kvarcito*, Rokaĵo konsistanta el feldspato kaj kvarco, uzata en fabrikado de ia porcelano, *petunso*. Tre malmola ŝtonego konsistanta el feldspato, glimo kaj kvarco, kaj uzata por pavimaj konstruaĵoj, *granito*. Rokaĵo kun la granita konsisto, *granitoida*. Malmola kalka ŝtono polurebla el kio oni faras plankojn, monumentojn, ŝtupojn, *marmoro*. Imiti la marmorajn vejnojn *marmorumi*. Marmoro similanta graniton, *granitmarmoro*. Speco de malmola marmoro ruĝa aŭ blanka kun alikoloraj kristaloj, *porfiro*. Granitoida roko en kiu oni trovas piroksenon, *dolerito*. Granitoida rokaĵo kiu konsistas precipe el feldspato kaj kies koloro estas miksaĵo de ruĝa kaj verda, *sienito*.

*Ŝtonoj karakterizitaj de siaj koloroj*.—Ruĝa mineralo konsistanta grandparte el ferhidroksido kaj uzata kiel farbo, *okro*. Ruĝa mineralo nesolvebla nelikvigebla, konsistanta el zirkonioksido uzata kiel juvelo, *zir-*

*kono*. Ruĝa diafana mineralo, uzata kiel juvelo, konsistanta el kristaligita pura alumino kolorigita de iaj oksidoj, *rubeno*. Plumboksido, flava pulvoro, uzata en la fabrikado de la vitro, *litargiro*. Flava kaj pulvorigita verdenigra, kombiniĝo de S. kaj Fe, solvebla en $NO_3H$, *fera pirito*; kombiniĝo de S. kaj Cu, kun samaj propraĵoj sed kies solvaĵo en $NO_3H$ bluiĝas per $NH_3$ *kupra pirito*. Verda ŝtono kun vejnoj kaj nigraj makuloj, solvebla en ClH *serpenteno*. Ia verda mineralo, *glaŭkonio*. Verda ŝtono el kiu oni faras vazojn, skatolojn, solvebla kun efervesko en $NO_3H$ *malakito*. Vitreca mineralo verdeta konsistanta el magnezia silikato, kiun oni trovas en bazaltoj kaj iaj lokoj, *peridoto*. Verdete blanka mineralo kun perla brilo, grasa ĉe la palpado, uzata kiel pudro por ŝmiri maŝinojn, *talko*. Blua mineralo konsistanta el alumino, silikato kaj fera oksido, *lapiso*. Ia blua mineralo, solvebla en ClH, *lazurito*. Blanka sulfato de kalko, *gipso*. Delikata blanka karbonato de kalko uzata por skribi sur nigra tabulo, *kreto*. Duone diafana speco de gipso de blanka koloro similanta marmoron, uzata por malgrandaj artaj objektoj, vazoj, statuetoj, *alabastro*. Rokaĵo perlamotblanka konsistanta el kalka magnezia karbonato, *dolomito*. Griza mineralo konsistanta el Pb, S, kaj Ag, solvebla en $NO_3H$, *galeno*. Minerala karbo kiun oni trovas en la tero kaj kiu formiĝis dum geologiaj epokoj, *terkarbo*, *ŝtonkarbo*. Grize nigra lignosimila C, odoranta malbone dum la brulado, *lignito*. Speco de lignito uzata per iaj nigraj juveloj, *gagato*. Nigra substanco farita per eburo karbigita, *eburnigro*. Grize nigra mola speco de C, uzata precipe por la fabrikado de krajono, *grafito*. Ŝupera speco de karbo kiu brulas kun malgranda flamo kaj sen fumo, *antracito*. Natura karbo, preskaŭ nebruligebla, per kiu oni faras la krajonojn, *plumbago*. Elfosebla substanco konsistanta el karbigitaj vegetaĵoj miksitaj kun tero, *torfo*. Plejmalmola ŝtono diafana, C kristaligita, *diamanto*.

*(Daŭrigota)*

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

## Solvo de la AKROSTIKA VORTLUDO:

| | |
|---|---|
| INKO | **Z** - INKO |
| LUDI | **A** - LUDI |
| ONDO | **M** - ONDO |
| BENO | **E** - BENO |
| AJLO | **N** - AJLO |
| AJLO | **H** - AJLO |
| RELO | **O** - RELO |
| ARTO | **F** - ARTO |

Akrostike: ZAMENHOF

Sendis la solvon S-ro Pedro Naranjo el Jerez kaj Jacinto Comella el Vich.

**HIEROGLIFO**

n

m

## SPRITLUDO

| | | |
|---|---|---|
| **A** | = | De ekstremo al alia. |
| **E** | = | En alta grado. |
| **I** | = | Nombro. |
| **O** | = | En pli alta grado ol ĝusta. |
| **U** | = | Malplenaĵo. |

(Anstataŭu vertikalajn strekojn per literoj)

La solvoj en venonta numero.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanio).

---

S-ro A. Tomás Iglesias el *Santander* (Hispanio), strato Cervantes, 13, deziras interŝangi pk. kaj pm. Pri pm. li uzas katalogon Ivert & Tellier-1916.

---

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell.* Hispanio) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

---

S-ro Nestor Alvarez, strato Mendizábal, 56. Madrid (España), interkorespondados per ilustritaj poŝtkartoj.

---

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (España). – Deziras korespondadi kun ekstereŭropanoj kaj hispanoj. Nepre kaj tuj respondas.

---

Rogelio Luque, strato Génova, 2, Magazeno «Los Andaluces», Madrid (Hispanio); deziras interŝanĝi P. K. I. kun anglaj kaj usonaj gesamideanoj.

---

Infanoj lernantaj Esperanton deziras korespondadi pk. kun kamaradetoj samnaciaj kaj alilandaj. Adreso: Esperanta kurso por infanoj-Sd. Coral «Juventud Tarrasense».—*Tarrasa* (Hispanio).

---

D-ro Casto Vilar.—Hotelo «La Peninsular», Placo S. Fernando, 20, Sevilla (Hispanio.—Interŝanĝados I. P. kun fremdaj samideanoj,

---

Luis Rodríguez Escartín, strato Ilustración, 8, Madrid.—Deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

---

Jesús Ramírez.- Strato Cabestreros, 10 kaj 12, Madrid (Hispanio).—Interŝanĝas poŝtmarkojn.

---

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanio) strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

---

Svitberto J. Degenkamf. Betlehemweg, 36. Utrech (Nederlando).—Interŝanĝas P. K. I. montrantajn nur preĝejojn, ankaŭ esperantajn gazetojn.

---



Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid